44a Jaro - N-ro 1a - Februaro 1952

# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
Asocio sen profita celo, aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, BRUSELO
Respondeca redaktoro : D-ro P. Kempeneers.

## 36ª Belga Kongreso de Esperanto

Bruĝo, 31-5 ĝis 2-6-1952.



*Kliŝo Servo Turismo - Bruĝo*

GRANDA PLACO KUN PROVINCA PALACO



# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

19, avenuo Montjoie - Bruselo

— ASOCIO SEN PROFITA CELO —

Statutoj : *Moniteur Belge - Belgisch Staatsblad*, n-ro 115, 27 Junio 1936.

---

## HONORA KOMITATO

S-ro Frans VAN CAUWELAERT,
Prezidanto de la Deputitaro.

S-ro Robert CATTEAU,
Vic-Prezidanto de la Senato, Skabeno de Bruselo.

S-ro Achille VAN ACKER,
Efsĉefministro, Deputito.

S-ro Georges MAZEREEL,
Senatano.

S-ro Georges MICHELET,
Honora Direktoro de la Komerca Ĉambro de Bruselo.



# BELGA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

44a Jaro — Februaro 1952 — N-ro 1a


# 36ª Belga Kongreso de Esperanto

*« Unu Belga Nacio, unu nacia Ligo, unu Belga Kongreso. »*

**Bruĝo, 31a de Majo ĝis 2a de Junio 1952.**

## TRIA KOMUNIKAJO

En sekvonta numero de B.E. aperos la definitiva programo de tiu kongreso. La jubileanta « Bruĝa Grupo » nuntempe dediĉas siajn plej bonajn fortojn al ĝia organizado kaj faros ĉion eblan por ke tiu esperantista jarfesto fariĝu la plej brila el ĉiuj ĝisnunaj Belgaj kongresoj.

Laŭ la nuna stato de la listo de aliĝintoj, oni povas antaŭvidi, ke ankaŭ rilate al la nombro de la partoprenantoj, tiu 36a kongreso preterpasos ĉiujn antaŭajn.

«69. S-ino M. De Baets-Huyghe (Bruĝo). — 70. S-ino M. Huyghe (id.) — 71. S-ro F. Verplancke (id.). — 72. S-ino L. Verplancke (id.). — 73. S-ro G. Groothaert (id.). — 74. S-ino J. Groothaert (id.). — 75. S-ro A. Bouquet (id.). — 76. F-ino Van Neste (id.). — 77. S-ro J. Koeune (Verviers). — 78. S-ino G. Koeune-Daudeseux (Verviers)

Al la samideanoj kiuj ne jam enskribiĝis, ni petas ke ili bonvolu de nun ĝiri sian kongreskotizon 50 fr. al la P.Ĉ.K. N° 3766.98, de « Belga Kongreso de Esperanto ».

La Loka Kongresa Komitato.

## NIAJ JUNAJ FORTOJ

Dum la militaj jaroj haltis la regula alfluo de novaj membroj, kiuj ĝis tiam certigis anstataŭigon de tiuj, kiuj pro laciĝo, malsano aŭ morto forlasis niajn rangojn; dum tiu tempo maljuniĝis la antaŭaj membroj kaj gvidantoj, kiuj, post la milito, vole nevole estis devigataj preni sur sin la restarigon de nia movado.

Al tiuj malmultnombraj kuraĝuloj ni ŝuldas la ekziston de nia movado, al ili ni ŝuldas ĝian novan antaŭeniron.

La tasko ne estis facila : la publiko dum pluraj jaroj ne plu aŭdis pri nia lingvo kaj kredis ĝin mortinta; ĉiu pensis pri siaj propraj aferoj; neniu emis doni siajn fortojn al idea movado, sen ia tuja materia profito.

Dum la lastaj semajnoj mi ĉeestis, en diversaj grupoj, festajn aranĝojn, kaj ĉie mi konstatis kun granda ĝojo ke multaj el la ĉeestantoj estis junaj kaj novaj membroj de tiuj grupoj.

Tio estas kuraĝiga signo ke la bonaj tagoj revenis kaj ke nia Ligo denove antaŭenpaŝos al ĉiam pli prospera stato.

Tion jam montras la kresko de nia membraro, kies nombro dum la jaro 1951 plialtiĝis je 40 %. Ĝis nun ni jam enskribis, por la jaro 1952, proksimume 30 **novajn** membrojn. Sur tiu vojo ni devas daŭrigi, por ke ni povu registri saman progreson je la fino de la jaro.

Tamen, ne sufiĉas varbi novajn membrojn. Same grave estas ilin konservi por la movado.

Por atingi tiun celon, la gvidantoj devas interesigi ilin ne nur al la lingvo, sed ankaŭ al nia organizado. Oni konfidu al ili taskojn en la gvidado de la

grupoj, oni kutimigu ilin plenumi regule oficon, eĉ malgrandan. Ili tiel iom post iom ekkonos la diversajn instancojn de nia organizado kaj pli kaj pli vidos Esperanton laŭ ĝia propra valoro, en sia tutmonda kadro. Tiuj novaj membroj ankaŭ konsciu pri sia respondeco kontraŭ tiuj, kiuj oferante sian tempon kaj siajn fortojn donacis al ili tiun mirindan ilon por interhoma interkompreniĝo; se ili ĝin bone uzos, ĝi alportos al ili netakseblan spiritan pliriĉiĝon.

K.

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA, A.S.P.C.

La administrantaro kunsidis la lan de Decembro 1951, en Bruselo.

Ĉeestis : D-ro Kempeneers, prezidanto, S-ro Jaumotte, vic-prezidanto, S-ino Plyson, kasistino, S-roj Groothaert, Paulus, Poupeye, Sielens kaj Van den Bossche, administrantoj. Ankaŭ ĉeestis S-ro Verstraeten tria delegito de la « Verda Stelo ».

1. Legado kaj aprobo de la protokoloj de la du antaŭaj kunsidoj.

2. S-ro Vandevelde, ĝenerala sekretario, sciigis sian deziron eksiĝi. La Prezidanto rilatos kun li.

3. **Financoj.** — Laŭ la kalkuloj prezentitaj de la kasistino, la jaro finiĝos sen deficito. La nombro de la membroj ankoraŭ plialtiĝis dum la jaro. La kasistino alvokas al varbado de bonfarantaj membroj.

Kelkaj rimedoj estas proponataj de S-ro Poupeye por plialtigi la enspezojn. Ili ne estas tuj realigeblaj.

4. **Gazetara Servo.** — Ĝi estas regule dissendata al 35 flandralingvaj kaj 44 franclingvaj gazetoj.

5. — **Esperanto Semajno.** — Oni proponas komenci ĉiujn kursojn dum la unua semajno de septembro, kaj intensigi la gazetaran servon je tiu epoko.

6. **Belga Esperantisto.** — Por anstataŭigi la nacilingvajn tekstojn kiuj ne plu aperos, la membroj ricevos senpage la nederlandlingvan gazeton « De Esperantist » aŭ la franclingvan gazeton « L'Essor de l'Esperanto ». « De Esperantist » ricevos la membroj loĝantaj en la nederlandlingva parto de la lando, « L'Essor » ricevos tiuj loĝantaj en la franclingva parto. Laŭdezire, unu el tiuj gazetoj povos esti anstataŭigata de la alia.

7. **Elekto.** — S-ro Soyeur, el Seraing, estas elektita kiel administranto por fini la mandaton de S-ro Tassin, eksiĝinta.

8. **Kongreso en Bruĝo.** — Kelkaj detaloj estas diskutataj kaj decidataj. La venonta kunveno de la administrantaro okazos la 8an de Marto 1952.

**P. S.** — S-ro Cl. Vandevelde konfirmis ke pro sia granda aĝo kaj pro sia malbona sanstato, li deziras eksiĝi el sia posteno de ĝenerala sekretario. Kun granda bedaŭro, la aliaj Estraranoj sentis sin devigataj konsenti al tiu decido. S-ro Soyeur bonvolis provizore preni sur sin la vakantan postenon.

P. KEMPENEERS.

## HONORA KOMITATO

Ŝtatministro Frans Van Cauwelaert, Prezidanto de la Deputitaro, konsentis ke lia nomo aperu supre de la listo de la membroj de starigota « Honora Komitato » de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Ankaŭ konsentis eniri la Honoran Komitaton, S-ro Robert Catteau, Vic-prezidanto de la Senato kaj Skabeno de la Urbo Bruselo, S-ro Achille Van Acker, eksĉefministro, deputito, S-ro Mazereel, Senatano, kaj S-ro Inĝ. Michelet, Honora Direktoro de la Komerca Ĉambro de Bruselo.

Ni kore dankas tiujn eminentajn personojn okaze de tiu gesto de simpatio kaj de subteno de na movado.

# 45JARA EKZISTO DE « LA VERDA STELO »

## Arĝenta prezidanteca jubileo de S-ro Maur. Jaumotte

La Reĝa Esperanto-Grupo « LA VERDA STELO » en Antverpeno jus festis la 45an datrevenon de sia starigo kaj, samtempe, la honorigon de multnombraj jubileantoj, kiuj estas anoj de la grupo de almenaŭ 10 kaj ĝis 35 jaroj.



S-ro Maur. JAUMOTTE
en la antaŭmilita tempo, kiam li iĝis Prezidanto de « La Verda Stelo ».

La Prezidanto de Belga Ligo kaj S-ino Kempeneers ĉeestis la solenan kunsidon, kiun prezidis S-ro Jaumotte.

Post bonveniga parolo, tiu ĉi petis S-rojn J. Verstraeten kaj H. Sielens legi respektive la sekretarian kaj kasistan raportojn, kiuj klare montras la tre viglan kaj finance tre decan vivon de la grupo, dum la forpasinta jaro.

La Prezidanto dankis ambaŭ siajn kunlaborantojn same kiel la aliajn komitatanojn kaj rapide skizis la historion de « La Verda Stelo », starigita, en la jaro 1907a, de nia bedaŭrata Frans Schoofs.

Li poste, per speciala kora vorto por ĉiu el ili, honorigis la ĉeestantajn jubileantojn.

Kiel substrekis poste S-ro Sielens,

li ne citis sin mem inter la jubileantoj de 35 jaroj kaj do nur alvokis S-inon Schoofs kaj S-ron Morris De Ketelaere, kiuj kun li esperantiĝis en la jaro 1917a kaj kiuj do akiris la arĝentan medalon de la Grupo, kun ora steleto. Sekvis, kun 30 jara membreco kaj arĝenta medalo kun arĝenta steleto : S-ino Marguerite Jaumotte, S-roj Aug. Faes, Gustave Vermandere kaj Jules Derweduwen (1920), F-ino Jeanne Morrens, S-ino Gabr. Simons-Van Herendael kaj S-ro Léon Schoofs (1921) kaj S-ro H. Boffejon kaj Maurice Boeren (1922); kun 25jara membreco kaj arĝenta medalo : S-ro Edgard De Coster (1923), F-inoj Maria Jacob kaj Yv. Van der Veken, S-ino Bl. Vermuyten kaj D-ro Marcel Roost (1926) kaj S-ino Jeanne De Hondt kaj S-ro Charles Van Reybroeck (1927); kaj, fine, -kun 20jara membreco kaj la bronza medalo kun du arĝentaj steletoj : S-ino Al. Bolsius (1928) kaj F-ino Math. kaj Hél. Hofkens kaj S-ro Willy Boffejon (1932). Meze de ĉiam reaj aplaŭdoj, la Prezidanto pinglis sur la bruston de la jubileantoj la medalon aŭ la kromsignon, kiun li meritis.

S-ro Sielens tiam eldiris tutsimplan sed impresigan paroladon honore de la Prezidanto, kiu ne nur estas membro de 35 jaroj, sed kiu, — ekzakte antaŭ 25 jaroj, tuj post la leĝigo de la Societo, — reprenis de la fondinto la ĉiutagan direktadon kaj la gvidadon de la grupo kaj kiu, nun kiel antaŭ tiom da jaroj, same energie kaj ĉiam same bonhumore antaŭenmarŝigas la Verdstelan ŝipon. Malgraŭ la fakto, ke la duobla jubileanto rifuzis publikan honorigon, li tamen havigis al li veran suprizon, nome la tutesceptan kaj ĝis nun nur al fondinto aljuĝata Oran Medalon pro Merito, kiu anstataŭos do, de nun, sur la prezidanta brusto, la arĝentan medalon kun Palmo, kiun li antaŭe akiris.

Kortuŝita pro tiu neatendita gesto, S-ro Maur. Jaumotte sincere dankis, dum S-ro Verstraeten aldonis tre amikan vorton nome de la novuloj, t.e. la postmilitaj gemembroj kaj diris ilian admiron pro la laborkapablo kaj sindonemo de la Prezidanto. D-ro Kempeneers, nome de Belga Ligo, aldonis kelkajn pliajn laŭdajn vortojn al la jubileanto, kiu ne nur ludas rolon en la grupo, sed ankaŭ en la Ligo kaj en Belga Esperanto-Instituto.

Sabate, la 5an de januaro, grava delegacio de membroj, malnovaj kaj novaj, direktis siajn paŝojn al la enterigejo de Schoonselhof, kie ili akompanis S-inon H. Schoofs kaj S-ron Léon Schoofs al la tombo de la fondinto. Tie floroj estis demetataj, post kiam, en kelkaj malmultaj vortoj, S-ro Jaumotte estis dirinta al la amiko Sus, ke la verda standardo ankoraŭ ĉiam flirtas en Antverpeno kaj ke la grupo daŭre postvivas ĉiujn malfacilaĵojn.

Ĉiuj kune poste ankaŭ iris saluti, kun S-ino De Hondt, la tombon de unu el la plej bonaj kunlaborintoj en la grupo : Louis De Hondt.

## La Festeno.

Dimanĉon posttagmeze, pli ol 90 gefestenontoj kunvenis en la restoracio de la Aviadila Stacio : Inter ili tre forta delegacio el Bruĝo, — 18 personoj — kaj la jam kutima delegacio de la Brusela grupo, — 14 membroj — kiuj volis, per sia ĉeesto, montri sian simpation al « La Verda Stelo », reprezentata ĉe tiu ĉi festeno de preskaŭ sesdek gemembroj !

Antaŭ ol komenci la manĝadon, S-ro Verstraeten deklamis memverkitan poezion jam legitan dum la Zamenhoffesto kaj en kiu estas honorigata la memoro de la Majstro kaj de la fondinto de la Grupo Frans Schoofs.

Je la toasta horo, S-ro Jaumotte diris sian grandan kontentecon pri la multnombra ĉeesto, speciale el aliaj urboj de la lando; ree honorigis, are,

la jubileantojn kaj memorigis pri la jubileo de la grupo mem.

Poste S-ro Sielens toastis je la sinjorinoj kaj kaptis la okazon por donaci belajn florojn al S-ino Schoofs kaj S-ino Jaumotte, dum S-ro De Ketelaere refoje diris la meritojn de la ĉefjubileantoj de tiu tago, la Prezidanto Maur. Jaumotte.

Per fajraj vortoj, tiu ĉi promesis ĉiam pli gravan poresperantan laboron en la Antverpena regiono, dum li dankis pro ĉiuj je lia honoro eldiritaj vortoj.

S-ro Poupeye, nome de la Bruĝa Grupo, ne nur alportis saluton al la jubileanta grupo kaj al ĝia prezidanto; sed, al tiu ĉi lasta, li transdonis belan kupran sonorilon, gravuritan laŭ granda Bruĝa sonorilo; dum D-ro Kempeneers aldonis gratulvortojn nome de la Brusela Grupo kaj Belga Ligo. Li ankaŭ transdonis al F-ino Henny De Ketelaere belan libron, kiel rekompencon pro ŝia venko en la Oratora Konkurso de la Brusela Kongreso.

S-ino Schoofs volis speciale danki S-ron Jaumotte pro la daŭrigo de la laboro de sia edzo kaj transdonis al Ges-roj Jaumotte belan memorigon de tiu ĉi tago.

Gvidata de S-ro Peelman, la Verdstela Floro kantis tutan serion de esperantaj kantoj dum S-ino Van den Driessche kun S-ro Peelman duope ankaŭ aŭdigis belajn ariojn, kun akompano de bonega harmonikaisto. F-inoj H. kaj P. De Ketelaere zorgis pri agrablaj parolataj « intermezzi ».

Vigla balo, kiu daŭris ankoraŭ multajn horojn estis la gaja konkludo de plej bele sukcesintaj festotagoj, pro kiuj ĉiuj ŝuldas dankon al la helpa gvardio de la Festestrino F-ino Toussaint.

L.V.S.

---

## UNIVERSALA ESPERANTA-ASOCIO

### Centro de Esploroj kaj Dokumentado.

La 1-an de Januaro 1952 ekfunkciis en Londono nova grava institucio de nia movado : la Centro de Esploroj kaj Dokumentado de U.E.A. La celo de la Centro estas triobla : sciencaj esploroj, dokumentado kaj informado. Pere de siaj kunlaborantoj la Centro esplorados kaj studos la Internacian Lingvon kaj ĝiajn multflankajn aplikojn sur ĉiuj kampoj de la homa aktiveco el vidpunktoj lingvistika, sociologia kaj psikologia. Apartan atenton ĝi dediĉos al la studado de la moralaj kaj intelektaj efikoj, kiujn kaŭzas la praktika uzado de la Internacia Lingvo. Ĝi ankaŭ esplorados la eblecojn por plua utiligo de Esperanto sur la kampoj de scienco kaj arto, intelektaj interŝangoj, trafiko kaj komerco k.t.p.

La branĉo Dokumentado rilatas al kolektado kaj enregistrigo de la plej gravaj dokumentoj koncerne la Internacian Lingvan kaj la Esperanto-organizaĵojn.

La rezultoj de tiu scienca-esplora kaj dokumentada laboro estos vaste utiligataj por verkado de artikoloj, kunmetado de prelegoj por diversaj okazoj, pretigado de skizoj por flugfolioj, alvokoj, broŝuroj, liverado de taŭgo kaj dokumentita materialo por defendi la aferon de la Internacia Lingvo en kongresoj, konferencoj kap en aliaj medioj, kiuj pritraktas la demandon de komuna lingvo.

La C.E.D. interŝanĝados dokumentojn kun UN, UNESKO kaj aliaj gravaj internaciaj organizaĵoj. Ĝi precipe intervenados en la internaciaj medioj, sed ĝi estos je dispono de nia tuta movado, de ĉiuj ĝiaj organizaĵoj, kiam ajn ili deziros argumenti kaj dokumenti sian aktivecon por Esperanto en diversaj modioj.

La Komitato de U.E.A. komisiis la direktadon de la C.E.D. al Prof. D-ro Ivo Lapenna, kiu plenumos tiun taskon honorofice. La Centro havas kunlaborantojn en diversaj landoj. Ankaŭ la kunlaborantoj plenumas sian laboron honorofice.

La financajn rimedojn por ekfunkciigo de tiu ĉi gravega institucio de nia movado havigis parte U.E.A. kaj parte kelkaj oferemaj esperantistoj kaj agemaj Esperanto-grupoj. La alia esperantistoj aŭ grupoj, kiuj deziras finance subteni la Centron kaj tiamaniere ebligi al ĝi kiel eble plej efikan realigon de ĝiaj celoj, estas petataj sendi siajn kontribuajojn aŭ al la Centra Oficejo de U.E.A., Heronsgate, Rickmansworth, Herts., Anglujo aŭ al Belga Ligo Esperantista, nepre menciante, ke la sendita financa helpo estas por la C.E.D. Fine de la Laborjaro, en Junio 1952, la nomoj de ĉiuj donacintoj estos publikigitaj en la oficiala organo de U.E.A.

En ĉiuj aferoj rilate al la Centro oni sin turnu rekte al Prof. D-ro Ivo Lapenna, 300 West End Lane, London, N.W.6.

## OFICIALAJ INFORMOJ DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

**Akademio de Esperanto**
Adreso : Oostduinlaan, 32,
Hago, Nederlando.

**Estraro de la Akademio.**

Post la okazintaj elektoj de la Direktoroj de la Sekcioj de la Akademio de Esperanto, la Estraro nun konsistas el la sekvantaj personoj;

Prezidanto : Ir. J. R. G. Isbrucker, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando.

Vicprezidantoj : A. Cseh, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando, kaj Prof. D-ro E. Privat, Evole 3, Neuchâtel, Svisujo.

Direktoro de la Sekcio por la Gramatiko : D-ro W. Lippmann, 1021 East 14th Street, Brooklyn 30 (N.Y.), Usono.

Direktoro de la Sekcio por la Literaturo : G. Avril, 60, Boulevard Auguste Raynaud, Nice (A.M.), Francujo.

Direkto de la Sekcio por la Generala Vortaro : Prof. G. Waringhien, 7, Avenue Léon Gourdault, Choisy-le-Roy (Seine), Francujo.

Direktoro de la Sekcio por la Teknikaj Vortaroj : J. Okamoto, 2435 Sinobi-cho, Ueno, Mieken, Japanujo.

Direktoro de la Sekcio por la Bibliografio : D-ro P. Neergaard, Gothersgade 158, Köbenhavn-K, Danujo.

La taskijn de la Generala Sekretario-Kasisto provizore plenumas la Prezidanto kun helpo de la Internacia Esperanto-Instituto.

Ir. J. R. G. ISBRUCKER,
Prezidanto.

## LA VORTAROJ HAVAS DANĜERAJN NESUFIĈAJOJN

Sub tiu titolo, la revuo « L'Eventail », el Bruselo, publikigis, la 18an de Januaro 1952, artikolon pri la maniero kiel interkomprenigadas, ĉu parole, ĉu skribe, la reprezentantoj de la 60 nacioj, kiuj formas nun la Unuiĝintajn Naciojn.

Por plisimpligi la problemon, oni altrudis la uzadon de kvin oficialaj lingvoj : la angla, la franca, la hispana, la ĉina kaj la rusa. Dum la ĝeneralaj kunsidoj, la laborlingvoj estas malpliigitaj je tri kaj, en la organizlaboroj, oni parolas nur 2 lingvojn : la anglan kaj la francan.

Sed ne ĉiuj diplomatoj scias tiujn 2 lingvojn. Estas do necese traduki ĉiujn paroladojn kaj, por tio, oni devas unue interpreti ilin. Iafoje, la tradukado estas sinsekva, t.e. la interpretisto

fipetas seninterrompe, en iu lingvo, paroladon eldiritan de oratoro, en alia idiomo.

Sed ofte la tradukado estas samtempa : la interpretisto rediras laŭvorte, en laŭtparolilo, la parolojn kiujn li aŭdas per la mikrofono. Ĉar nur kelkaj sekundoj apartigas la 2 prelegojn, estas preskaŭ neeble sekvi la penson de la paroladinto kaj primiditi ĝin. La tradukado fariĝas kvazaŭ aŭtomata kaj se ia eraro okazas, estas neeble reĝustigi ĝin. La sekvantaj interpretistoj povas ankaŭ miskompreni kaj, iafoje, la oratoro, kiu scias la lingvon parolatan de la tradukisto, haltigas lin, dirante : « Tio ne estas ekzakte tio, kion mi diris ».

De tempo al tempo, tradukeraroj kaŭzas disputojn. Iam, en fakkomisiono de ONU, angla delegito respondis al franco, kiu ĵus finigis sian prelegon : « I am completely mystified ». La franco, malkontenta, rebatis tuj ke li ne kutimas mistifiki siajn kolegojn. La interpretisto kvietigis lin, klarigante ke la angla delegito ne parolis pri mistifiko, sed nur pri « surprizo ».

Alia ekzemplo : ĉu oni scias ke, anglalingve, la esprimo « to table a motion » signifas « **fari** proponon », sed amerikanlingve, ĝi signifas « **prokrasti ĝin** » ? Antaŭ kelkaj jaroj, la franca popolo manĝis, dum pluraj monatoj, panon tre riĉan je maizfaruno, tial ke iu ŝtatoficisto parolante la anglan lingvon, estis aĉetinta « corn » al Ameriko. Efektive, « corn » signifas « greno » en Anglujo, sed « maizo » en Ameriko.

Kio ajn estas, la lingva problemo pli kaj pli komplikiĝas en la internacia politiko. Baldaŭ, en O.N.U. la delegitoj de Hindujo kaj tiuj de la Arabaj landoj postulos, krom la kvin oficiaj lingvoj, la uzadon de siaj propraj idiomoj, kio plimalsimpligos la situacion. Jam nun, laŭ raporto el Lake Success, UNU horo da parolado en la Unuiĝintaj Nacioj kreas 400 horojn da laboro!

Tamen ni, Esperantistoj, scias ke la solvo de la lingva problemo estas simpla kaj facila : niaj jaraj universalaj krongresoj montras ke la Zamenhofa lingvo ebligas al personoj de multaj diversaj landoj klare esprimi siajn ideojn kaj facile interdiskuti ilin egalrajte. Ni fosu nian sulkon : Esperanto fatale venkos !

## INTERNACIA KRONIKO

AŬSTRUJO.

Komitato stariĝis en urbo Wörgl (Tirolo-Aŭstrujo) por la starigo de *Zamenhofa monumento*, kiun oni inaŭguros dum Julio 1952.

Wörgl estos la unua urbo en Aŭstrujo kiu posedos sian Zamenhof monumenton.

La monumenta komitato konsistas el : Kort. Kons. Hugo STEINER, fondinto kaj prezidanto de la Internacia Esperanto Muzeo en Wien, Hans STEINER, vic-prezidanto de Aŭstria Esperantista Federacio kaj Kom. Kons. Martin PICHLER, urbestro de Wörgl.

D-ro inĝeniero Leopold FIGL, Federacia Kanceliro konsentis esti protektoranto.

La membroj de la Honora Komitato de la monumento estas : Kardinalo D-ro Theodor INNITZER, ĉefepiskopo de Wien, Ministro por Instruafero, D-ro Felix HURDES, Ministro por Komerco kaj Rekonstruo, D-ro Ernest KOLB, Priĉefepiskopo, D-ro Andreas ROHRACHER, Salzburg, Episkopo, D-ro RUSH, Innsbruck, Landestro kaj Urbestro de Wien, Frans JONAS, Landestro de Tirolo, Agronoma Konsilisto Alois GRAUS, VicIandestro de Tirolo Frans HUETTENBERGER, Prezidejestro en Federacia Kancelirejo, Sekcia Ĉefo D-ro Eduard CHALOUPKA, Ĝeneraldirektoro por Poŝt- kaj Telegrafadministrado, Sekcia Ĉefo D-ro Karl DWORAK, Direktoro por Sekureco de Burgenland, D-ro Peter SCHWARZ, Prezidanto de Universala Esperanto Asocio, S-ro Emfrid MALMGREN,

Stockholm, Vic-prezidanto de Universala Esperanto Asocio, D-ro Paul KEMPENEERS, Bruselo, Universitata Profesoro D-ro Edmond PRIVAT, Neufchâtel, Svisujo, Prezidanto de Germana Esperanto Asocio, S-ro Siegfried ZIEGLER, München, Vicprezidanto de Plejsupera Financkontrolejo, Prezidanto de Aŭstria Esperanto Federacio, eksministro Hans FRENZEL.

FRANCUJO

Esperanto Grupo en Angers organizos publikan ekspozicion de infanaj desegnaĵoj dum Aprilo 1952.

Ĉi petas sendaĵojn kiujn ĝi kompensos per desegnaĵoj de francaj infanoj. Sin turni al F-ino Nouais, 28, Boulevard Descazeaux, Angers.

GERMANUJO

La Sociala Organizo de la Germana Federacia Fervojo kaj la Germana Esperanta Fervojista Asocio, Museumstr. 39, Hamburg-Altona (Germanujo), transpreninte la aranĝon de la 4a IFEF-Kongreso en Lindaŭ (Lago Konstanca) de la 25a ĝis la 30a de Majo 1952, donas al si la honoron inviti la belgajn esperantistajn fervojistojn partopreni la kongreson. Por informoj, oni sin turnu al la supra adreso.

NEDERLANDO

La mondkonata entrepreno Philips, en Eindhoven (25.000 laboristoj - 80.000 en la tuta mondo), fondis korespondan klubon, por akceli inter sia oficistaro, la disvastigon de la modernaj lingvoj. Laŭ peto de niaj lokaj samideanoj, la dirita klubo presigis eĉ, en la internacia Philipsgazeto, korespondpetojn en Esperanto. Sed nur malmultaj respondoj venis, ĝis nun, el eksterlando.

Estus konsilinde ke kiel eble plej multaj samideanoj sin konigu, kiel korespondemuloj, al la « Philips Korespondа Klubo, Eindhoven, Nederlando ».

Tio donus al la entrepreno Philips, favoran impreson pri la graveco de nia lingvo kaj eble instigus ĝin provi esperanton por la korespondado kun siaj diversaj filioj eksterlandaj.

Grava averto : nepre ne menciu tiun ĉi anoncon. (A. W. Withoos, Delegito de U.E.A., Eindhoven).

La nacia federacio por mensa popolsaneco (Prinsengracht 717) kaj la UNESKO-Centro (Prinsengracht 1079, ambaŭ en Amsterdam) aranĝis angla-lingvan paroladon, okazintan la 26an de Januaro, pri « Psikologia solvo de la milit-streĉeco ».

La kunsidon enkondukis D-ro A. Groeneveld. Prelegis D-ro Samiran Banerjee, de la Hinda Psikoterapia Societo.

SVEDUJO

Antaŭ 3 jaroj okazis en Viskadalen, Svedlando, internacia kurso pri la temo « Sveda socia strukturo ». Tiu kurso estis tiel sukcesa, ke la Sveda Esperanto-Instituto nun decidis aranĝi novan internacian kurson pri la temo « La nuntempa Svedlando ».

Pro la kontentiga raporto pri la antaŭa kurso la svedu registaro decidis asigni 4.000 kronojn por la aranĝo de tiu ĉi nova kurso, kiu okazos en la altlernejo Bohusgärden apud Gotenburgo, dum la tempo 27 julio - 2 aŭg. La Instituto fiksis tiun daton por ebligi por la partoprenontoj de la Universala kongreso en Oslo survoje halti en Bohusgärden por ĉeesti tiun kurson.

La prezo de la kurso estos 75 sv. kronojn, por kiu sumo la kursanoj ricevos krom la instruado ankaŭ loĝon, manĝon kaj ekskurson al Gotenburg kun vizito ĉe iu sveda grandfabriko. La kurson povas partopreni maksimume 25 personoj.

---

## ANONCETOJ

— Internacia Koresponda Klubo serĉas gekorespondantojn. Skribu al la oficejo : Japan Correspondence Club, 10,2 Chome, Chodo - Fuse-City Japanujo.

— Helpu la Esperanto-movadon en Hispanujo : Por propaganda ekspozicio ni bezonas ĉiajn Esperantaĵojn : librojn, broŝurojn, salutkartojn (prefere bildflanke kaj filatele afrankitajn), afiŝojn, k.t.p. Ni respondos al ĉiuj. Adreso : Esperanto Propagand-Ekspozicio, Strato Forn, 19, Moya (Barna), Hispanujo.

NIA VOĈO — ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA —

2a Jaro — Februaro 1952 — N-ro 1a

# PAŜO POST PAŜO EN ESPERANTO

I.

Pasintan fojon, mi skribis pri la elparolo de nia lingvo kaj mi atentigis vin pri tio, ke la tuta arto bone prononci ĉion en Esperanto konsistas el du partoj : unue la bona prononcado de la diversaj literoj de la Esperanto-arfabeto, kiuj ĉiuj havas bone-difinitan valoron kaj due la vortakcento, kiu ĉiam kuŝas sur la antaŭlasta silabo.

Mi ankaŭ substrekis ke oni ne devas paroli pri **Eeespeeeraantooo...**

Intertempe mi aŭdis iun « Esperantiston » kiu dum kvin minutoj legis tekston kaj dum kvin minutoj mi demandis al mi kiun lingvon, kiun dialekton li parolis. Ŝajne estis « reĝa mikSaĵo » de Antverpena, Brusela, Harlebeka kaj Bruĝa dialektoj. Sed ne, estimata leganto, mi eraris komplete; tiu lingvaĉo estis Esperanto.

Evidente estis precipe la vokaloj, kiuj estis murdataj.

Sed ne nur la vokaloj, Esperanto estis murdata...

Vi ĉiuj komprenos ke ni devas eviti tian malagrablajon. Kaj por ke ĉiuj komprenu ke estas necese elparoli la vokalojn klare, ne tro longe kaj malfermite, mi hodiaŭ citos tekston de unu el la plej kompetentaj Esperantistoj el la tuta mondo : Doktoro Edmond Privat.

D-ro Edmond Privat, plej admirinda Esperanto-oratoro, estis dum longa tempo direktoro de la Sekcio « Elparolo » de la Esperanto-Akademio.

Dum la 19a Universala Kongreso de Esperanto, en Danzig, en la jaro 1927a, li faris paroladon pri la prononcado. Jen kion li diris pri la vokaloj :

« Tre estimata Aŭdantaro,

» Hodiaŭ mi estas petata, doni al vi kelkajn klarigojn pri la maniero elparoli Esperanton korekte kaj elegante se eble.

» Al tiuj demandoj jam D-ro Zamenhof en Boulogne-sur-Mer dum la Unua Esperanto-Kongreso respondis. Pri la vokaloj li diris, ke ni elparolu ilin malfermite, same kiel la slavaj kaj la itala lingvoj, do **a, è, i, o, u.**

» Speciale necese estas atentigi pri **è** kaj **ò**, kiujn kelkaj Esperantistoj ne elegante kaj ne nute korekte elparolas fermite, ekzemple **jee anstataŭ jè, hoomoo** anstataŭ **hòmò.** D-ro Zamenhof elparolis : **hòmò, pòr, fòr, bòna,** kaj li ne diris **boona;** li ne diris **jees** aŭ **dee,** sed **jès, dè, komprènèblè** kaj ne **kompreeneeblee.**

» Malfermu la buŝon larĝe kaj vi ricevas la bonan elparolon de niaj vokaloj. Pri i kelkaj Hungaroj tro longe parolas kaj tro fermite. Mi aŭdis ankaŭ è elparolata de kelkaj Hungaroj same : **tre** similis **tri,** dum ĝi devas esti kiel en la franca lingvo : **trè, kè, nè;** tio estas la Zamenhofa ekzemplo. »

Ĉiuj ni observu tiujn konsilojn. Ili permesos al ni, ekzakte elparoli nian lingvon, kaj, kredu min, ĝi estos multe pli belsona.

Proksiman monaton, kelkajn vortojn pri la simpla frazo.

H. S.

---

## GRATULOJ

La 15an de Decembro 1951, nia bona samideano Hans Jakob festis sian 60an datrevenon.

Multaj belgaj esperantistoj scias pri la bona laboro kiun li faris dum multaj jaroj por nia afero kaj kun ni, kore gratulas la jubileanton. **Ad multos annos.**

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO

## Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».

*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

Al la koncerto de la 30a de novembro, gvidita de S-ro Peelman, partoprenis kiel pianogeludantoj, F-ino F. Meulemans kaj S-ro J. Van Nereaux; kiel sol-gekantistoj : F-ino Heyens, S-ino Van den Driessche kaj S-ro Peelman kaj kiel kunkantistoj plie : S-inoj Bernaerts kaj De Vriese-Meersman, F-inoj Daenen kaj Vanistendael kaj S-ro Aalders. Plej lerte F-ino Henny De Ketelaere, per bonega teksto, kunfluidigis la diversajn numerojn. La sukceso estis tre granda.

Dum la monato decembro, okazis la 7an, la Sta. Nikolaa-vespero, dum kiu S-ino De Hondt, F-ino De Winter kaj S-roj Verstraeten kaj Peelman rakontis anekdotojn rilate al tiu ĉi speciala festo-tago, por kiu F-ino Toussaint kaj S-ino Bernaerts organizis forlotuma don de frandaĵoj.

La 15an, Zamenhoftago, la Prezidanto klarigis la signifon de la festo de la Majstro, post kio S-ro Roger Jaumotte, prelegis la unuan publikan paroladon de D-ro Zamenhof en Boulogne-sur-Mer, kiu finiĝis per la deklamo de « Sub la Verda Standardo ». Tiu deklamado nûn okazis en duvoĉa horo fare de F-inoj Henny kaj Paula De Ketelaere kaj L. De Winter kaj S-roj Verhoeven kaj Verstraeten. S-ino Christiane, la konata operkantistino, akompanata de F-ino Meulemans, kantis belan esperanto-kanton, post kiu oni ankoraŭ aŭdis S-inon Van den Driessche en ampleksa parolado, eldirita en la atmosfero de la tago, kaj pli intiman babiladon de F-ino Math. Hofkens, kiu elvohkis la impresojn de D-ro Zamenhof... se li povus nun eneri la kunvensalonon !

La 22an, S-ro Maur. Jaumotte faris tute nepreparitan kaj neplanitan babiladon pri Parizo, kiun li nun, dum aŭtuno plian fojon vizitis. Granda estis la intereso de la multnombraj ĉeestantoj kaj la postan vendredon, F-ino Hélène Hofkens, tre vigle kaj tre originale, plenigis Amuzan Vesperon. Sabaton, la 29an, la jaro finiĝis per granda Kristnaska kaj Novjara Balo, kun tuta programeto, al kiu partoprenis F-ino Meulemans, ĉe la piano; F-ino Daenen kaj S-ino De Vriese-Meersman kaj S-roj Vinck kaj Weyts, en « La Eraro » de F-ino Vanistendael; F-ino Henny kaj S-ro Rudolf De Ketelaere, en dialogo « Telepatio »; la kantistaro, gvidata de S-ro Peelman; kaj la Prezidanto mem, kun kristnaska parolado. La loterio de la kunalportitaj suprizoj, organisita de F-ino Toussaint sukcesigis tiun ĉi belan vesperon.

La jaro 1952a komenciĝis per la ĝenerala jarkunsido, kun honorigo de multaj gejubileantoj kiuj de pli ol 10 jaroj kaj kelkaj de antaŭ 35 jaroj fidele restis membroj de « La Verda Stelo », kaj per la jara festeno, pri kiuj du manifestacioj aperas speciala raporto.

La 11an, S-ro Aug. Faes, kiun la prezidanto gratulis pro lia 30jara edziĝfesto, faris interesan paroladon pri « La Verda Placo », kaj ĉiuj ĝuis la detalajn folklorajn klarigojn de la bona rakontanto.

Lundon la 14an de januaro, okazis la ekzamenoj de la unua vintra kurso, gvidita de S-ro Jaumotte kaj samtempe la enkonduka parolado por la nova kurso, gvidota de la sama profesoro. Dudekkvin gelernintoj pasis sian ekzamenon; tridek kvar gelernontoj sin enskribigis !

Vendredon la 18an, okazis la diplomdisdono kaj jen la nomoj de la diplomitoj, kiujn la Prezidanto Kursgvidinto gratulis kaj kiuj, — citinda fakto — ĉiuj akiris la tri kvaronojn de la poentoj : S-ro Rudolf De Ketelaere kaj Aug. Debacker; F-inoj Elsa Van der Veken, Marcelle Wellens, Paula Debacker, Irène Janssens kaj S-ro Eddy Roosendaal; F-ino Hilda Van der Veken, S-ro Henri Denayer, F-ino Vicke De Kort, Clara Peeters, Anny Noé, S-inoj Denayer, Math. Lepage kaj De Swert-Popieul, S-ro M. Van Havermaet, F-ino Rosa Lenssens, S-ro Hub. Peeters, Ges-roj Cassimon-Duré, F-ino Martine De Backer kaj S-ro J. Bakhuisen.

Tri gelernintoj volis alparoli sian profesoron: F-ino Paula Debacker, S-ro Rudolf De Ketelaere kaj S-ino Denayer, kiu lasta ktom la

dankesprimon de la lernintaro, ankaŭ havigis al la Prezidanto belan donacon. S-ro Morris De Ketelaere aldonis gratulvorton nome de la estraro.

La Prezidanto dankis la gelernintojn kaj la juĝintojn.

Tuj poste S-ro Roger Jaumotte faris tre klaran paroladon pri « Flegado de Vundoj » kaj agrabligis aŭ sugestige ilustris sian paroladon per demonstracio kun bonege imititaj vundoj, al kiuj kunhelpis tuta aro de membroj de la grupo, kiuj samtempe laboras sur la Ruĝkruca kampo kaj inter kiuj ni citu F-inojn Meulemans, P. Herencael kaj Sim. De Witte kaj S-roj Paul Wils kaj Henri De Hondt, kiuj specialiĝis en tiu vunditaĵo kaj kiujn la paroladinto speciale dankis.

La 25an de januaro S-ro Verhoeven, kun la helpo de S-ro Verstraeten, zorgis pri tre bone sukcesinta Amuza Vespero kaj la 1an de Februaro okazis la kutima Parolata Ĵurnalo.

*Programo de la venontaj kunsidoj :*

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, je la 20 h. 30.

*Februaro.* — La 1an : parolata ĵurnalo; la 8an : parolado de F-ino Mathilde Hofkens : « Miaj Spertoj pri Infanoj »; la 15an: diskutvespero, enkondukota de S-ino Bernaerts : « Sinjorinoj, ŝoforoj aŭ ne »; sabaton, la 16an, je la 20a h. : prezentado en la Pulĉinela Kelo, de la Repenstraat: kunveno je la 19a 45 sur la Conscience-plaats, antaŭ la Conscience-monumento; la 22an : filmprezentado de S-ro Van Eynde; Sabaton, la 23an : la Kostumita Karnavalbalo; la 29an : parolado de S-ro H. Sielens;

*Marto.* — La 7an : parolata ĵurnalo; la 14an : amuza vespero, gvidota de S-ro Peelmon, en kunlaboro kun la junularo; la 21an : parolado de S-ro Van Eynde kun lumbildoj « Oberammergau, urbo de la Pasi-ludoj; la 28an : parolado de S-ro J. Verstraeten : Mi legis la libron « La Bonvolemulo », de Gérard Walschap.

*Aprilo.* — La 4an : parolata ĵurnalo; la 11an : Sta Vendreda atmosfero; la 18an : diskutvespero; la 25an : somerplanoj (priparolo kaj diskuto).

*Majo.* — La 2an : parolata ĵurnalo.

BRUĜO

**Bruĝo Grupo Esperantista.**

*(Poŝtĉeknumero : 48.35.53)*

La ĉiumardaj kunvenoj estas regule sekvataj de dudekopo da aktivaj gemembroj. Dum la unua horo okazas leciono de la elementa kurso. Ankaŭ la parolata gazeto aperas ĉiumonate kun daŭriĝanta sukceso kaj plej diversaj rubrikoj. Tiu de la 11a de decembro entenis, inter multaj interesaj kronikoj de diversaj membroj, artikolon de la prezidanto kun titolo : « Antaŭ 92 jaroj naskiĝis L.L. Zamenhof ».

La 18an de decembra okazis la lasta ordinara marda kunveno. Ĝi estis « surpriza vespero » dum kiu multaj nekonataj premioj alportitaj de la membroj estis dislotitaj grandplezure inter ili.

Por inde fini la jaron, la grupo havis, dimanĉon 30an de decembro, vespermanĝon en la hejmo de la F-inoj Van Parys en Sint-Andries. La Liga Prezidanto kaj S-ino Kempeneers honoris ĝin per sia ĉeesto. Dudeko da gegrupanoj kunvenis ĉirkaŭ longa tablo kaj ĝuis bonegan manĝon, post kiu ili daŭrigis la feston per kunkantado, deklamado kaj fine dancado.

La nova jaro komenciĝis kiel la malnova finiĝis : per festo. Nome per partoprenado en la Jubilea Festeno de la « Verda Stelo » en Antverpeno. Dekok gebruĝanoj faris la vojaĝon per tri privataj aŭtomobiloj kaj revenis nokte kun plej bona impreso pri tiu agrabla intergrupa fratiĝo.

Dum la unua regula kunveno de la jaro, nome dum tiu de la 8a de januaro, S-ro C. Braet interesplene paroladis pri la subjekto « Kvar jarojn en Kongo Belga ».

La 15an de januaro okazis la ĝenerala jarkunveno de la grupo. Post la diversaj raportoj de la prezidanto, de la sekretario kaj de la kasistino, kiuj ĉiuj pruvas ke la grupo bone fartas laŭ ĉiuj vidpunktoj, la komitato estis reelektata kun aldono de S-ro Carlos Braet. Ĝi do nun aspektas jene : Prez. S-ro Ch. Poupeye; Vicprezidantoj : S-roj G. Grootbaert kaj F. Verplancke; Sekr. S-ro D. Demeulenaere. Kasistino : F-ino I. Van Parys;

Konsilantoj : F-ino A. Boereboom kaj S-ro C. Braet.

*Programo de la venontaj kunsidoj :*

Ordinara kunveno : ĉiumarde, je la 20a, en la Sidejo : « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ».

Antaŭ la Belga Kongreso ne plu okazos nova kurso. Oni klopodos por ke dum ĉiu kunveno iu membro faru malgrandan paroladon. Krom la ĝeneralaj preparoj por la Kongreso, estas antaŭvidataj :

*Marto* : 4an : Portretludado. Sabaton 8an: Dua vintra balo en la dancejo « Tabarin » de la 9a ĝis la 3a. Mardon 11an : Kantvespero. 18an : Parolata gazeto. 25an : Triopa interparolado kun posta publika raportado.

*Aprilo* : 1an : Humoraĵoj. 8 an : Portretludado. 15an : Parolata gazeto. 22an : Kantvespero. 29an : Elmontrado kaj dislotado de persone manfaritaj objektoj.

BRUSELO

## Esperantista Brusela Grupo.

*(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)*

La antaŭvidita programo regule efektiviĝis. La 19an de Novembro kaj la 17an de Decembro 1951, S-ro Van der Stempel gvidis sian perfektigan kurson. Li elektas malfacilaĵojn en nia lingvo, kaj ĉiam verkas ekzemplojn tiel taŭgajn, kaj klarigas tiel lerte ke la lernantoj ne estus pardoneblaj se ili ankoraŭ erarus.

La 26an de Novembro, S-ro Castel faris rimarkindan analizon de la novelo « Carmen » de Prosper Mérimée kaj legis 2 ĉefajn eltiraĵojn, tradukitajn en Esperanto, de tiu ĉefverko.

La parolata ĵurnalo de Decembro 1951 donis ankoraŭ okazon al S-roj Castel, Van der Stempel kaj Genin akiri la 3 unuajn rangojn en la ĉiam interesa konkurso. La 10an de Decembro, D-ro Kempeneers faris al ni la grandan plezuron montri diversajn filmojn kiujn li faris dum niaj kongresoj (naciaj kaj internaciaj) antaŭ la milito. La malnovaj membroj revidis kun emocio la feliĉajn tagojn pasintajn, kaj la novaj vidis kun intereso okazintaĵojn de nia movado.

Ne okazis kunveno la 24an kaj la 31an de Decembro 1951.

Ekster la ordinaraj lundaj kunvenoj, ni devas mencii gravajn eventojn.

Dimanĉon la 9an de Decembro, Brusela Grupo organizis infanfeston en sia ejo. S-ta Nikolao, mirinde vestita, disdonis librojn kaj frandaĵojn; infanoj kaj plenkreskuloj ĝuis spektaklon de la famaj manpupoj de la grupo, kaj de dancoj, kantoj, pantominoj, plenumigitajn de la junaj membroj sub la gvidado de S-ino Weyn. Bona taso da ĉokolado kaj abundaj kukoj kunigis la nombrajn ĉeestantojn ĉirkaŭ la tabloj. Ĉiuj kunportis agrablan impreson de tiu familia festo, kaj esperas rekomenci venontan jaron.

Alia evento estas la solena Zamenhofa vespero de la 15a de Decembro, organizata de E.K.I.: kelkaj el la bruselaj gegrupanoj ludis grandan rolon tie, interpretante laŭ radio-maniero, tekston pri la vivo kaj la verko de la Majstro, speciale tradukita de S-ro Castel el la nederlanda lingvo.

La programo estis kompletigita de muziko. En la komenco D-ro Kempeneers faris enkondukan paroladan de granda morala valoro.

La unua parolata ĵurnalo de 1952 alportis al S-ino Félicie Staes la plimulton de la voĉoj rilate al la valoro de ŝia komunikaĵo.

La 6an de Januaro, Bruselaj gegrupanoj havis la grandan plezuron ĉeesti, en Antverpeno, la belan feston organizatan de Verda Stelo okaze de sia 45a Jubileo. La festeno okazis en la restoracia salono de « Aviadila Stacio » kie la Bruselanoj ĝuis la amikan akcepton de la karaj gesamideanoj antverpenaj. La bongusta festeno kunigis ĉirkaŭ la tablego preskaŭ cent gastojn, ĉiuj gajaj kaj kontentaj.

La tradiciaj toastoj estis aplaŭdataj. Multaj gejunuloj ĉeestis (espero de nia movado): kelkaj el ili ĉarmis nin per belaj ĥoroj, tute taŭgaj.

Ve ! la tempo pasis tiel rapide ke la Bruselanoj devis forlasi vivplenan balon, malgraŭ la deziro restadi en Antverpeno la tutan nokton.

*Programoj de la estontaj kunvenoj.*

Ĉiulunde, je 20 h. 30. Ejo : Brasserie

St Martin, Place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein.

*Februaro.* — La 4an, Parolata ĵurnalo; la 11an, S-ro L. L'Host « La birdoj de Eŭropo »; la 18an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 25an, S-ino Castel « Gastronomio kaj Karnavalo ».

*Marto.* — La 3an, Parolata ĵurnalo; la 10an, S-ro Jirousek « Silkskrena Presado »; la 17an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 24an, je la 19a, elementa ekzameno por ĉiuj lernantoj; je la 20 h. 30, S-ro Jacobs « Nova Universala Kalendaro »; la 31an, kursfina festo.

*Aprilo.* — La 7an, Parolata ĵurnalo; la 14an, Paskaj festoj, ne okazos kunveno; la 21an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 28an, S-ro L'Host « Belaj memoraĵoj ».

*Majo.* — La 5an, Parolata ĵurnalo; la 12an, S-ino Stern « Pierre Benoit kaj diversaj el liaj verkoj »; la 19an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 26an, S-ino Elly Staes « Damme ». S. O.

GENTO

Gent'a Grupo Esperantista aperigas ĉiudumonate Bultenon, kies legantoj estas petataj ĝin legi, kaj LEGIGI de konatuloj. Tiu Bulteno estas trilingva : esperanta, nederlanda, franca. Al ĉiu el la tri lingvoj 45 ĝis 50 linioj estas dediĉataj. La tekstoj estas malsamaj; ili estas ĉefe propagandaj.

SERAING

La 1an de Decembro 1951, nia Administranto, S-ro Joseph Soyeur, estis pensiita. Liaj kolegoj profitis la okazon adiaŭi lin dum intima festeto. Unu el la inĝenieroj petis ke li responde bonvolu diri kelkajn vortojn « en Esperanto ». Li tute konsentis kaj kaptis tiun okazon propagandi por Esperanto. Post kelkaj vortoj diritaj en Esperanto, li daŭrigis franclingve, klarigis la celon de D-ro Zamenhof, atentigis la aŭskultantaron pri la facileco de la lingvo, pri la senesceptaj reguloj gramatikaj, la facila konjugacio.

La aŭdintoj interese aŭskultis kaj unu inĝeniero eĉ petis lernolibron.

Ni gratulas nian samideanon pro la lerta maniero kiun li uzis por propagandi Esperanton en speciale intelekta medio : la aŭdantaro konsistis el oficistoj kaj inĝenieroj de la Societo Ougrée-Marihaye.

VERVIERS

La grupo kunvenas regule ĉiun duan merkredon, je la je la 20a en « Café du Vieux Brasseur », rue Xhavée.

*Programo de la estontaj kunsidoj :*

*Januaro.* — La 16an, S-ro Kairis, « humoraĵoj »; la 30an, S-ino A. Hérion, « La internacia civila servo ».

*Februaro.* — La 13an, S-ro Koeune, « La socia situacio de la blinduloj en Belgujo »; la 27an, S-ino Demarche « La Gileppe ».

*Marto.* — La 12an, S-ro J. Hérion « Jarmiloj pasas » (resumo); la 26an, S-ro J. Desonay « La diversaj termalaj kuracadoj en Spa ».

*Aprilo.* — La 9an, S-ino Ehlen « Diversaj metodoj de tinkturado »; la 23an, S-ro Demarche « Humoraĵoj ».

---

## EL LA ESPERANTISTA FAMILIO

*Esperantista geedziĝo.* — Ni havas la plezuron sciigi la geedziĝon de *S-ro Pierre Paulus*, filo de Raymond Paulus, prezidanto de la Grupo en Karoloreĝo, administranto de R.B.L.E. kun *F-ino Suzy Lejeune*, baptofilino de S-ino Plyson, kasistino de R.B.L.E.

La edziĝo okazis la 26an de Januaro; la juna paro foriros al Kongolando la 9an de Februaro.

Niajn plej varmajn bondezirojn al tiuj membroj de R.B.L.E. kiuj trovis la feliĉon dank'al Esperanto.

*Honoriĝo.* — Leŭtenanto-Kolonelo kuracisto Louis Detournay, membro de « Verda Stelo » estas nomita kolonelo kuracisto. Ni gratulas lin.

*Gratuloj.*

Al Ges-roj Aug. Faes-Janssens, malnovaj gemembroj de « La Verda Stelo », okaze de la 30a datreveno de ilia edziĝo, kiun ili festis en la monato de januaro.

Al D-ro L. Detournay, direktoro de la Armea Malsanulejo de Antverpeno, kaj ankaŭ malnova membro de « La Verda Stelo », okaze de lia nomiĝo al la grado de Kolonelo.

*Fianciĝo.* — Ni eksciis pri la fianciĝo de la filo Michel-Marie de S-ino Couvreur.

membrino de Bruselo Grupo, kun F-ino Jacqueline Vanhemelrijck. Ni gratulas la gepatrojn kaj gefiancojn.

NEKROLOGO

Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn al Ges-roj Hector Vermuyten-Lacroix okaze de la morto de ilia patrino, S-ino Vermuyten.

## BIBLIOGRAFIO

*Libroj.*

FRANCISCO CANDIDO XAVIER. — *Antaŭ dumil jaroj:* romano de Emmanuel, el la portugala lingvo tradukis L. C. Porto Carriero Neto. 400 paĝoj. 12 × 18 cm. Eld. Brazila Spiritisma Federacio, Avenidad Pasos, 30, Rio de Janeiro (Brazilo) 1951.

Karl JOST (Zürich). : *Modesta bukedo;* 79 paĝoj. 12 × 15 cm. Prezo : 1.50 ned. guld. Ĉe Universala Ligo Riouwstraat, 172, Den Haag, Nederlando.

R. M. BALLANTYNE : *La Hundo Kruso;* El la angla lingvo tradukis J. M. Inman. Eld. The Esperanto Publishing Co Ltd, Rickmansworth, Anglujo, 150 p. Prezo : 3 ŝil. Afranko 3 pencoj.

Tiu rakonto rekondukas nin al la tempo, kiam la romanoj de Fenimore Cooper kaj Gustave Aimard ĝuegigis la junajn generaciojn. En la malproksima okcidento de Usono (Far West), palvizaĝuloj kaj ruĝhaŭtuloj salutas unu la alian prefere per pafoj, kiel en ĉiuj landoj kaj epokoj kutimis fari invadantoj kaj invadatoj. Por proponi pac- kaj komerckontrakton al la Indianoj, estas elsendataj tri koloniistoj de la « Valo Mustang ». Inter ili : Rik, brava kaj simpatia knabego kaj, kun li, Kruso, la hundo-mirindaĵo, kiu ĉion komprenas, ĉion antaŭflaras, por ĉio trovas rimedon.

La vojo estas longa, peniga, danĝera. Postkurata de ruĝhaŭtuloj, Rik perdos siajn amikojn, sian ĉevalon kaj eĉ perdos Kruson. Tute sola li restos, senesperigita, meze de la senfina stepo. Sed, ne timu, Kruso revenos kaj, kun ĝi, la espero kaj la bonsorto. Helpe de Kruso, Rik efektivigos miraklojn, liberigos de la Indianoj siajn amikojn, kaj la kvar kamaradoj (la hundo enkalkulita) triumfe revenos hejmen.

La verko estos plene ĝuata ĉefe de legantoj junaj aŭ rejuniĝemaj.

Je lingva vidpunkto, la teksto estas facile komprenebla eĉ por komencantoj. Kelkaj preseraroj, kelkaj neologismoj, kelkaj strangaj esprimoj kaj verbuzoj. Sed pripensu ke la aŭturo estas usona, la tradukinto angla kaj la recenzisto belga. Nur riproĉeton mi riskos pri la laŭ mi erara kaj persista uzo de *ami* anstataŭ *ŝati* (« mi amas promenadi » p. 66, k.a.). H. CASTEL.

JARLIBRO DE U.E.A. 1952: *Unua Parto;* Neaĉetebla, sed ricevebla nur de Individuaj Membroj de *Universala Esperanto-Asocio.*

Trajtoj de la Jarlibro, kiuj esperehle trafos la aprobon de uzantoj, estas : 1. Frua apero; 2. Aranĝoj Esperantistaj en 1952.

Tio, kun la konataj *Delegitoj, Librolisto, listo de Eldonejoj, Akademio, Universalaj Kongresoj, Fakaj Asocioj,* k.t.p. faras ĉi tiun verkon utilega kaj nepre havinda konsultlibro por la Esperantistaro. Kiel kutime la presado kaj la ĝenerala aspekto estas bonegaj.

Aliĝojn oni sendu al Belga Ligo Esperantista. Prez-tabelo sur la lasta kovertspaĝo de tiu ĉi gazeto.

*Broŝuro.*

*Nova mondo marŝas...* ilustrita, 12 × 4 paĝoj. Eld. Svenska Kriksportförbundet, Karlbergsvägen, 14, Stockholm, Svedujo. Senpage havebla.

---

Reĝa Belga Ligo Esperantista prezentas al siaj gemembroj siajn plej sincerajn bondezirojn por 1952 kaj insiste petas ilin tuj repagi sian kotizon. Belga Esperantisto ne plu estos sendata al la ne pagintoj.

---

## 37a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Pro eraro, ni notis sur la paĝo 43 de Belga Esperantisto, 4a kajero de 1951, ke la ŝanĝkurzo de la norvega krono estas 6,50 belgaj frankoj. Ĝi efektive valoras 7 belgajn frankojn. La partoprenontoj al la 37a Universala Kongreso bonvolos atenti pri tiu korekto kiam ili sendos sian kotizon, sur la postĉekkonton 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

Koopera Societo. 26. Oostenstraat - Antwerpen. Poŝtĉekkonto 1689.58

## LIBROLISTO (Daŭrigo)

| | |
|---|---|
| *Manuel de conversation à l'usage des touristes* (fr., néd., germ., angla, hispana, itala et dana) | 15.— |
| *La Maro* : Noveluro | 36.— |
| *Mimi Pinson* : A. de Musset | 20.— |
| *Miniaturoj* : Originalaj poemoj, G. D. Nash | 8.— |
| *Miraklaj aventuroj de Sinjoro Longkrurulo* : ilustrita | 20.— |
| *Miru pensu ridu* : P. Bennemann | 72.— |
| *Mi serĉis oron kaj oleon sed trovis...* : Davis Flood br. 44.— bind. | 55.— |
| *La mistero de l'sango* : O. Forst de Battaglia | 33.— |
| *La Mizantropo* : Komedio en 5 aktoj, Molière | 17.50 |
| *Monadologio* : *Leibniz* (Boirac) | 4.— |
| *La Mondon al ni* : Vojaĝaventuroj, Kilian | 19.— |
| *La mondo ne havas atendejon* : M. Dekker | 35.— |
| *Monumento de Carlo Bourlet* : Komp. I. G. Braga | 12.— |
| *La Morea perlo* : Simson | 20.— |
| *La morto de Danton* : Tragedio, A. N. Tolstoj | 10.— |
| *La multekolora libro* : Diversaj | 20.— |
| *Muusses esperanto-Biblioteko* : Vidu B. E. 1951 paĝoj 55 et 68. | |
| *Naciismo* : Studo pri deveno, evoluado kaj sekvoj, Lanti | 20.— |
| *La naiveco de Pastro Brown* : G. K. Chesterton | 38.50 |
| *Naŭlingva etimologia leksikono* : Bastien | 90.— |
| *Neĝulino kaj aliaj fabeloj* : Grimm | 35.— |
| *La nevenkebla ĝeno* : T. Thijssen | 78.— |
| *Noni kaj Mani* (Du islandaj knaboj) : J. Svensson | 25.— |
| *La okuloj de la eterna frato* : Zweig | 20.— |
| *Originala verkaro de S-ro Zamenhof* | 152.— |
| *Pasko* : Drama en tri aktoj, A. Strindberg | 16.50 |
| *Patroj kaj filoj* : I. Turgenjev | 50.— |
| *Peer Gynt* : *Drama Poemo*, H. Ibsen broŝ. 80.— bind | 100.— |
| *Pinokjo* : C. Collodi broŝ. 19.— bind. | 38.50 |
| *Pli ol fantazio* : A. Bogh-Hogsted | 30.— |
| *Poemaro* : Tiflisano | 3.— |
| *Pola folkloro kaj Popolkanto* : S. Grenkamp | 12.— |
| *Por recenzo* : K. R. C. Sturner broŝ. 10.— bind. | 15.— |
| *Preĝareto (Katolika)* : Carolfi | 9.— |
| *Premiaj Romanetoj* : Konkursintoj | 8.— |
| *Pri bredado de Abeloj* : A. P. Andersen | 38.50 |
| *Pri mia unua vojaĝo per biciklo tra Italujo* : K. Ŝolc | 5.— |
| *Printempo en la aŭtuno* : J. Baghy | 20.— |
| *Pri la origino de l'homo* : Sir A. Keith | 12.— |
| *Progresado kaj la pasinteco* : G. F. Wates | 27.— |
| *Pro Istar* : H. A. Luyken | 72.— |
| *La rabistoj* : Schiller (Zamenhof) | 36.— |
| *Rakontoj al mia Belulino* : J. Bach-Sisley | 10.— |
| *Rakontoj por gebnaboj* : Toscani | 7.— |
| *La reala vivo de Nia Sinjoro kaj Savinto Jesuo Kristo* : M. Dragona | 30.— |

*La revizoro* : Komedio en 5 aktoj. N. V. Gogol (L. L. Zamenhof) ... 20,—
*Rido Sanigas* : Humoro kaj Sprito ... 2,50
*Romaj elegiof* : Taglibro de Goethe : trad. Kalocsay ... 24,—
*Romano pri Afrika bieno* : O. Schreiner ... 20,—
*Romeo kaj Julieto* : W. Shakespeare ... 20,—
*Ruĝa floro* : V. Garŝin ... 5,—
*Sableroj* : M. Hankel ... 10,—
*Saltego trans jarmiloj* : J. Forge ... 36,—
*Sango kaj sablo* : Blasco Ibanez ... 66,—
*Se aŭskultas la animo* : G. Gezelle ... broŝ. 15,— bind. 25,—
*La Servistinoj* : (Monologo por sinjorinoj) O. Van Schoor ... 1,—
*Sonorilo kaj kanono* : Poemaro en prozo. E. Isaac ... 10,—
*Spegulo homarana* : Poemaro. J. H. Erkko ... 10,—
*Staline.* : La Linguistique et l'Impérialisme russes. L. Laurat ... 30,—
*Stranga butiko* : R. Schwartz ... 20,—
*Stranga heredaĵo* : H. A. Luyken ... 56,—
*Strato de fiŝanta Kato* : J. Földes ... broŝ. 44,— bind. 55,—
*Sub la vitra kupolo* : van Weddingen ... 20,—
*La Sunkrono* : M. Koenen ... 16,—
*Sveda antologio* : Komp. S. Jansson ... broŝ. 140,— bind. 200,—
*Sveda noveloro* : Komp. Szilagyi ... 66,—
*Svisa antologio* : Komp. A. Baur ... broŝ. 200,— bind. 250,—
*La Ŝipeto* : Devos ... 5,—
*Taglibro de vilaĝpedelo* : St Blicher ... 5,—
*La tajdo* : Lirikaj versaĵoj. N. Hohlov ... 10,—
*Tanaka memorando* : Aŭtentika dokumento pri ekspansiaj planoj de Japanujo - Tanaka (Min. Prezidanto 1927) ... 7,—
*Teatra Korbo* : J. Baghy ... 20,—
*La telefono* : Monologo por Sinjoro. O. Van Schoor ... 1,—
*Tipoj kaj aspektoj de Brazilo* : Br. Revuo de Geografio ... bind. 75,—
*Tragedio de l'homo* : Madach (Kalocsay) ... 50,—
*Tragiek en triomf van Zamenhof* : (Vivo de L.L.Z.) E. Privat ... 48,—
*Trans la fabeloceano* : Noveloj. F. Szilagyi ... broŝ. 34,— bind. 42,—
*Tra l'silento* : Poemoj. E. Privat ... 10,—

## BIBLIOTEKO TUTMONDA

Unu numero ... 6,—
Duobla kaj triobla N° ... 12,— et 18,—
Duobla kaj triobla N° ... 12,— et 18,—
Dek numeroj laŭ elekto ... 54,—

N° 1 Prosper Mérimée : Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj (franca J. Borel).
2-4 Fr. v. Eeden : La malgranda Johano (nederl. H. J. Bulthuis).
5-6 Ch. Baudouin : La Arto de Memdisciplino (Psikagogio) Originale verkita.
7-8 Fr. Karinthy : Norda Vento. Novelkolekto (hung. K. Bodo)
9 V. Korolenko : La sonĝo de Makaro. Krisnaska rakonto. (rusa M. Ŝidlovskaja).
10 Al. Bratescu-Voinesti : Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj. (rumana T. Morariu).
11-14 Elĉerpitaj.
15-17 A. S. Puŝkin : La Kapitanfilino. Romano (rusa Ŝidlovskaja).
18-20 Elĉerpitaj.
21-22 Ir. J. R. G. Isbrucker : La evoluo de la telefonio. Ilustr. originale verkita en Esperanto.
23-25 M. Babits : La Cikoni-Kalifo. Romano (hung. K. Bodo).

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, koopera societo.

26, Oostenstraat, Antverpeno.

Jus aperis :

D-ro IVO LAPENNA :

Aktualaj problemoj de la nuntempa internacia vivo :

Fundamentaj nocioj; lukto por la paco per juraj rimedoj; internaciaj organizaĵoj. — Prezo : 70 fr.

Ankaŭ ĉiujn aliajn Esperanto-eldonaĵojn oni povas mendi ĉe **Belga Esperanto-Instituto, 26, Oostenstraat, Antverpeno.**

Belga Esperanto-Instituto akceptas abonojn al eksterlandaj Esperanto-gazetoj.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidanto* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijk-Antwerpen.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert-Bruselo.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

| | A. | B. | C. |
|---|---|---|---|
| I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... | 25,— | 50,— | 100,— |
| *Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... | | | 50,— |
| II. *Membreco kun individua aliĝo al la internacia organizaĵo* : | | | |
| a) *Membro kun Jarlibro* : kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... ... ... ... ... | 75,— | 100,— | 150,— |
| b) *Membro Abonanto* : kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto » ... | 165,— | 190,— | 240,— |
| c) *Membro Subtenanto* : kiel membro abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... ... ... ... | 250,— | 275,— | 350,— |

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

A. Kadetoj (ĝis 18 j.); B. Junuloj (ĝis 21 j.); C. (21 j. kaj pli).

# BELGA ESPERANTO INSTITUTO

Koopera Societo

*D-ro L. L. Zamenhof*, 1859-1917. *Aŭtoro de Esperanto.* — Reproduktaĵo sur poŝtkarto, de la bildo de nia Majstro pentrita kaj donacita al Internacia Esperanto-Muzeo, Wien, de artpentristo Ach. Bentos. Eldono « Esperanto », Oostenstr. 26, Antwerpen. Prezo : Fr. 2,—. La sama bildo estas havebla kiel vera fotografaĵo. Prezo : poŝtkartformato : Fr. 10,—; 24 x 30 cm., Fr. 65,—; 30 x 40 cm., Fr. 100.

Imp. LIELENS, s.p.r.l., 18, rue de la Princesse, Brux. — Tél. 21.10.98